1/96

# Internacia Ĵurnalisto

organo de TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

# Lingvaj kaj aliaj eble iom gravaj reformetoj

**Kelkaj, eble iom malgravaj kaj naivaj rezonoj**

Plej grava labor-materialo de ĵurnalisto, sendube, estas la lingvo. Tial mi foje treege miras, kiom malzorgeme gekolegoj uzas sian elementan materialon en siaj periodaĵoj. Tial nia fakorgano multe atentas lingvajn demandojn – ankaŭ en tiu ĉi numero vi trovas tiutemajn kontribuaĵojn.

**Nova ortografio germanlingva**

Ĉiuj ĵurnalistoj laborantaj en germanlingvaj landoj Aŭstrio, Germanio kaj Svislando devas remiksi sian materialon kaj lerni novan ortografion. La tri ŝtatoj interkonsentis fine pri reformeto. Ĝi alportos kelkajn ŝanĝojn en skribado de vortoj; la konsonant-riĉeco de l' germana lingvo estos eĉ pli granda, ekzemple en la vorto Schifffahrt (ŝipveturado), kiu ĝis nun havas nur du f-konsonantojn (Schiffahrt). Kaj la misfama germana litero ß estos pli malofta. Sed kiel tiu ĉi reformeto alportu la promesitan simpligon de l' germana, tio restas enigmo de l' inventintoj. Mi scias nur, ke mi devas lerni novajn regulojn...

**Kiel nomiĝu monero de eŭro?**

Alian vere genian kaj revolucian reformeton ĵus decidis registoj de EU: oni definitive enkondukos komunan valuton, tamen ne scias precize kiam kaj en kiuj EU-landoj. Sed almenaŭ ni nun scias, ke ĝi nomiĝos eŭro kaj ne ekuo ... Nesolvita restas la problemo, kiel nomi la centonon de eŭro; mokemaj ĵurnalistoj proponis floran nomon „eŭ-rozeto". Malavantaĝo estus la naciaj nomoj, germana estus ekzemple „Euröschen" [ojresĥen] – sed kiu eksterlandano povus kompreni aŭ eĉ prononci tion? Kuraĝe do ni proponu adopti Esperanto-nomon de EU-moneroj: eŭreto. Unu eŭro do estos 100 eŭretoj. Tiun ĉi nomon povos prononci ĉiuj eŭropanoj kaj eĉ japanoj povus diri „eŭleto" sen kaŭzi miskomprenon.

**Agaca televid-reklamo**

En tiu ĉi numero de IĴ aperas ankaŭ pluraj artikoloj pri la plej ŝatata de l' mondo amaskomunikilo, televido. Sed ĉu vi scias, kio plej multe agacas germanajn spektantojn? Ne malbonaj programoj aŭ stultaj filmoj, sed – reklamoj! El 100 pridemanditaj germanoj ne malpli ol 89 kondamnas tiujn interrompojn de l' programoj, en orienta parto de la lando eĉ 96 el cent. Nu, por ne agaci ankaŭ vin per reklamo, ni rezignas ĉi-loke pri reklamo por TEĴA kaj alvoko, pagi vian kotizon... sm



## ENHAVO

KOLOFONO

**Internacia Ĵurnalisto**

Organo de
Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)
aperas 4foje jare
Redakcio: Stefan Maul, Pferseer Str. 15, D-86150 Augsburg, Germanio, ☎/fakso (49)821/520385
Redaktofino de tiu ĉi numero: 16 dec 95
Kopirajto ĉe Internacia Ĵurnalisto
Artikoloj signitaj prezentas la personan opinion de l' aŭtoroj kaj ne nepre kongruas kun la opinio de l' redakcio.
Administrado: Flandra Esperanto-Ligo (FEL), Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio
Verantwoordelijke uitgever: Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen
Presata de Flandra Esperanto-Ligo sur mediprotekta papero.

ESTRARO DE TEĴA:
Prezidanto: Stefan MAUL, Pferseer Str. 15, D-86150 Augsburg, Germanio
Vicprezidanto: Paŭlo GUBBINS, 3 Arden Court, Mossley, Congleton, Cheshire CW12 3JH, Britio
Ĝenerala Sekretario: YAMASAKI Seikô, Higasi Koigakubo 3-18-12, Kokubunzi, JP-185 Tôkyô, Japanio
Kasisto: Paul PEERAERTS (adreso de FEL, vidu supre)
Estraranoj:
Aleksander KORĴENKOV, p. k. 162, RUS-620014 Jekaterinburg - 14, Ruslando
Dino FABRIS, Borgo Bassano 1, Box 49, I-35013 Citadella (PD), Italio

ARBITRACIA KOMISIONO:
István ERTL, Andrzej PETTYN, László SZILVASI
LABORKOMISIONO pri trejnado de ĵurnalistoj: Estro P. Gubbins (adreso supre)
LABORKOMISIONO de radioĵurnalistoj: Estro Andrzej PETTYN, Skrytka pocztowa 46, PL-05-822 Milanówek, Pollando

LANDAJ SEKCIOJ:
Bulgara TEĴA-sekcio: Mariana EVLOGIEVA, PK 18, Drushba-2, BG-1582 Sofia
Pola TEĴA-sekcio: Zofia BANET-FORNALOWA, ul. Bliska 12, PL-05-090 Raszyn
Ruslanda TEĴA-sekcio: Irina KIRINA, pk. 1833, RUS-625048 Tjumenj-48

**Membrokotizo/abono: 30.00 germanaj markoj aŭ 21 usonaj dolaroj jare. Pagu al konto tejh-u ĉe FEL (adreso supre) aŭ al UEA-konto de TEĴA: ttmj-f**

# Oficialaj komunikoj de la TEĴA-estraro

## La kasisto lamentas kaj petas



Se en la apuda kvadrata kesteto troviĝas ruĝa kruceto, la kasisto de TEĴA ĝis la dato de l' ekspedo de tiu ĉi numero bedaŭrinde ne povis registri vian kotiz-pagon por 1996. Krome li – kiel montras la bildo – almozpete atendas viajn mondonacojn, por ke la deficito de nia asocio ne kresku sed reduktiĝu (kaj koste de l' asocio li povu aĉeti novan pantalonon).
Kiel pagi, tion vi trovas en la subaj klarigoj.

## Ni dankas pro varbado

Al tiuj gekolegoj, kiuj sekvis nian peton kaj en siaj gazetoj aperigis varbanoncojn pri abonado de *Internacia Ĵurnalisto*, ni kore dankas. Kvankam la rezulto de tiu ĉi varbkampanjo ĝis nun estas relative modesta, ni esperas pri ioma enspezo. Estus bone, se okaze oni ripetus la anoncojn, por tiel memorigi pri nia fakrevuo.

## Kiel plej rapide informi la prezidanton/redaktoron?

Jen kaj jen iuj petas retpoŝtan adreson de l' prezidanto de TEĴA (aŭ de la redaktoro – sama persono). Denove ni atentigas, ke S. Maul ne disponas pri komputila retokonekto.
Se vi plej rapide volas atingi lin, vi povas telefoni aŭ telefaksi (numeron vidu en la kolofono), plej konvene kaj certe inter la 10a kaj 12a h MET.

## Praktikaj ekzercoj en Prago

Kiel vi jam povis legi en antaŭa numero, TEĴA aranĝos dum la ĉi-jara UK en Prago praktikan ekzercon por redaktoroj kaj verkantoj. Se vi mem interesiĝas pri partopreno aŭ scias eventualajn interesatojn, bonvolu jam nun peti detalojn de vicprezidanto kaj estro de l' trejnad-komisono P. Gubbins (adreso en la kolofono).

**Feliĉan kaj sukcesan jaron 1996!**

# Bofilino persekutita de ĵurnalistoj

## Ekstrema ekzemplo de abomenindaj metodoj de sensaci-revuoj

**Pri ekstrema ekzemplo de abomenindaj metodoj de sensaci-ĵurnalistoj raportas *Augsburger Allgemeine*, granda regiona ĵurnalo en Bavario (Germanio). Viktimo estas virino, kiu havis nekutiman ideon: ŝi fondis memhelpan grupon de bofilinoj.**

Pri tio *Augsburger Allgemeine* informis en aprilo 1995, kun plena nomo; intertempe la virino insistas, mencii nur la personan, ne la familian nomon. Do en la dua raporto rakontas Ruth: Post apero de l' artikolo estis lavango da alvokoj de koncernitaj virinoj, do bofilinoj kiuj suferas pro malicaĵoj de l' proverbe malbona bopatrino. „Ni ne volis kulpigi, ne lamenti, sed montri vojojn el la krizo por virinoj, kiuj ne harmonias kun la bopatrino,“ diras Ruth. La ideo trafis al grandega eĥo, jam 800 kazoj troviĝas



*La ideala, ridema bopatrino...*

en ŝia registro, similaj grupoj estiĝis en pliaj sep germanaj urboj.

**Sekreta telefon-numero**

Por ke entute ŝi ankoraŭ povu dormi, ŝi akiris sekretan telefon-numeron, poŝtfakon kaj aŭtomatan telefon-respondilon. Sed baldaŭ alvokis ne nur bofilinoj, sed ankaŭ bopatrinoj, kiuj sentis sin atakitaj, ofte anonime.

Sed eĉ pli teruraj, rakontas Ruth, estis ĵurnalistaj „atakoj“, post kiam aperis raportoj en pluraj seriozaj gazetoj pri ŝia iniciato. Nun venis alvokoj kaj vizitoj de ĵurnalistoj de bulvardaj gazetoj kaj buntaj revuoj, kaj precipe de komercaj (privataj) tv-stacioj. Sed tio, kion celas Ruth kaj ŝia memhelpa grupo, nome serioza okupiĝo pri la problem-rilatoj inter bofilino kaj bopatrino, „tio estis komplete indiferenta al ili“, plendas Ruth. Ili volis nur uzi la kliŝan formulon „batalo kontraŭ la malica bopatrino“.

**Premoj**

Post la unuaj malbonaj spertoj ŝi pli kaj pli rifuzis doni informojn al tiaj ĵurnalistoj. „Sed tiam oni aplikis premojn“, priskribas Ruth la situacion. Aparte obstina estis teamo de privata televid-stacio en Kolonjo (ni prefere ne menciu la nomon, sed eŭropanoj sendube scias la nomon...). Plurfoje tage ties reporteroj telefone insistis, kaj kiam „mi draste respondis, ekagis alia teamo komisiita de la sama stacio kaj ĉio komenciĝis denove“, ŝi rakontas pri la perfortaj ĝenoj.

Intertempe ŝi simple ne plu reagas al ofertoj, kiuj ŝajnas al ŝi neseriozaj. Ke ŝi mem estas en la fokuso de l' amaskomunikila kermeso, tio ne ŝancelas la memfidan virinon. Tamen ege incitas ŝin, ke ĵurnalistoj provas eltrovi nomojn de koncernitaj bofilinoj. Ŝi rifuzis ĉiun peton de reporteroj, partopreni sesiojn de l' memhelpa grupo: „La virinoj volas resti inter si. Ili ne kuraĝas paroli, se ĉeestas fremdulo,“ spertis Ruth.

**„Submarŝipo“**

Sed sensaci-ĵurnalistojn komprenoble aparte interesas personaj sortoj, spertis Ruth: „Ili faras ĉion por aliri koncernitojn.“ Precipe impertinenta estis provo de aŭtonoma ĵurnalistino, kaŝeniri la memhelpan grupon, kiel „submarŝipo“, kiel en bulvard-ĵurnalejoj oni nomas tiajn esplor-inkognitojn. La virino, mem eĉ ne havanta bopatrinon, pretekstu suferojn, por elsuĉi sortojn de aliaj. Ke la sekreta komisio venis de Hamburga eldonejo, kiu en siaj buntaj revuoj disvastigas precipe novaĵojn el eŭropaj reĝo- kaj nobelofamilioj, la ĵurnalistino mem konfirmis al *Augsburger Allgemeine*.

Kvankam la reporterino ekhavis malbonan konsciencon kaj malkaŝis al Ruth sian intencon, kiam tiu jam havis suspekton, tamen Ruth estas furioza: „Mi imagas, kio okazus, se ŝi sukcesus per tiu fripona metodo. Familioj estus detruitaj. Ofte parencoj ja tute ne scias, ke virino estas en mia grupo.“ Nun ŝi protektas la grupon, postulante de novaj interesitoj konfirmon, ke ili ne estas ĵurnalistoj... Ruth opinias, ke „tio ja estas sufiĉe malĝojiga, sed ne estas alia ebleco“.

Stefan MAUL

---

***Por komparo:***

### El la Etika Kodo de TEĴA:

4. Por havigi al si informojn, materialojn, fotojn, film- kaj sonregistraĵojn, oni devas ne apliki malhonestajn kaj mallojalajn metodojn.

7. La ĵurnalismo respektas la privatan vivon kaj la intimsferon de l' homo. Nur se privata agado de homo koncernas publikajn interesojn, oni povas diskuti ĝin en amas-komunikiloj. Oni devas severe kontroli antaŭe, ĉu per tio estas vundataj la homaj rajtoj de nekoncernatoj.

(Similaj preskriboj troviĝas ankaŭ en la etika kodo de germanaj ĵurnalistoj.)

---

BRITIO

## Finfine – ĵurnalistoj senmaskigitaj

**Britaj ĵurnalistoj estas mezaĝaj, mezsalajrataj kaj mezklasaj: jen la rezultoj de esploro plenumita de Londona Kolegio pri Printarto kune kun ĵurnalista fako de la aŭstralia Queensland-universitato.**

La esploro unikis: por la unua fojo science esploriĝis en Britio tiu, kiu sin nomas „ĵurnalisto". Gazetaraj, televidaj kaj radiaj ĵurnalistoj de naciaj kaj regionaj – sed ne de lokaj, urbaj – amaskomunikiloj inkluziviĝis en la esploro ... kaj tuj evidentiĝas, ke la populara, holivuda impreso pri konstante ebria, cinika kaj komike maldanda skribaĉisto estas pura mito.

Ekzemple: almenaŭ unu ĵurnalisto el kvar estas virino ... kaj sesoble pli da raportistoj posedas universitatan diplomon ol antaŭ 40 jaroj. Tamen ili nur meze enspezas: 2 % jare malpli ol 10 mil britajn pundojn kaj nur 20 % pli ol 35 mil. Ĝenerale ili montras sin kontentaj kaj rekomendus la profesion al siaj infanoj – se ili havus: duono da estas seninfanaj.

**Rompi konfidencon?**

Tri kvaronoj subtenas la Eŭropan Union; malpli ol duono la britan monarĥion. 57 % indikis, ke okaze de naciaj elektoj ili voĉdone favoros la maldekstretan laboristan partion; nur 6 % la regantan, dekstran konservativan partion. 60 % da virinoj laborloke spertis seksdiskriminacion, kaj 79 % el ĉiuj ĵurnalistoj favoras laŭleĝan abortigon. 86 % kredas, ke oni rajtas eventuale uzi senpermese konfidencajn registarajn dokumentojn ... kaj pli ol duono opiniis, ke povus okazi situacioj, kiam oni garantius konfidencecon sed poste ĝin rompus. Eĉ personaj dokumentoj kaj leteroj ne protektiĝus: duono de la ĵurnalistoj kredis, ke tiajn oni rajtas senpermese uzi.

Aparte signifa estas la fakto, ke ĵurnalistoj de la pasinteco plejparte konsideris sin metiistoj; nuntempe – kvankam 90 % subtenas sindikatan agadon (kvankam la ĵurnalista sindikato NUJ lastatempe perdis duonon de siaj membroj) – pli ol duono taksas sin profesiuloj.

Paul GUBBINS

---

CENZURO

## Danĝeroj de karikaturoj

Satiro evidente estas danĝera ĵurnalista rimedo. Tion pasintjare devis sperti ekzemple kolegoj en tiom foraj unu de alia landoj kiom Azerbajĝano kaj Kamboĝo. Jen, kion tute serioze kaj severe raportis inform-agentejoj:

• Kvin ĵurnalistoj en Azerbajĝano estis kondamnitaj de tribunalo en ĉefurbo Bakuo pro satira priskribo de l' ŝtatprezidanto Gajdar Alijev je mallibero de du ĝis kvin jaroj. La juĝistoj verdiktis, ke ili kalumniis la ŝtatestron per karikaturoj kaj ŝercoj en sia satira magazino *Ĉeŝma*, kiu subtenas la opozician popolfronton, kiu ĝis la puĉo de eksa (?) komunisto Alijev antaŭ iom pli ol du jaroj regis la landon. Laŭ raporto de l' inform-agentejo Associated Press la magazino prezentis post pilgrimo de Alijev al (islama) Mekko fabelon pri vulpo, kiu en la sankta urbo pentofaras pro mortigo de kokoj, sed poste daŭrigas sian pekegan agadon.

• En Pnompeno tribunalo preskribis ĉesigi aperon de gazeto, ĉar ĝi mokis per karikaturoj kaj artikoloj pri la korupteco en Kamboĝo. La ĉefredaktoro de *Odom Ktek Kmer* krome estis kondamnita al punpago de ĉ. 6000 germanaj markoj aŭ du jaroj da karcero. La kamboĝa registaro jam plurfoje minacis severe trakti gazetojn. En 1994 oni murdis eĉ du ĵurnalistojn en la sud-azia lando, aldonas germana inform-agentejo.

Ni konas nek la karikaturojn nek la ŝercojn kaj do ne povas juĝi, ĉu ili estis kalumniaj. Principe tamen, karikaturo kaj satiro apartenas al libereco ĵurnalisma kaj devas esti toleratajn de demokrata ŝtato. Kie oni tiom draste persekutas redaktorojn pro satiraĵoj, ni ne povas supozi demokratan reĝimon. En Kamboĝo oni trenis la ĵurnalistojn en mankatenoj antaŭ la tribunalon. Internaciaj ĵurnalistaj kaj homrajtaj organizaĵoj protestis kontraŭ la proceso – sed ni rajtas dubi, ke tio helpos al la kondamnitaj kolegoj.

sm

---

TELEVIDO

## Informkanalo kun mankoj

### Iom hazardaj observoj pri germana tv-programo

**Kion fari, kiam dentkuracisto post ĥirurga interveno ordonas ripoztagon kun strikta malpermeso labori? Nu, jen okazo por foje iom pli detale observi germanan inform-televidan kanalon n-tv kaj trovi respondon al la demando: ĉu kaj se jes kiam valoras spekti ĝin?**

n-tv estas mallongigo de german/angla „Nachrichten-Television" (= novaĵoj-televido), kiu elsendas tutdiurne kun aktualaĵoj ĉiun duonan horon. Ĝi havas sloganon „Gut zu wissen", parolturno signifanta proksimume: bone ke mi eksciis tion por mia persona posta uzo aŭ/kaj atento. (En *Parolturnaro* de Wiersch – vidu recenzon en tiu ĉi numero – mi ne trovis Esperanto-ekvivalenton.)

**Reklamo, reklamo**

Sporade la aŭtoro jam antaŭe spektis la inform-kanalon, sed ĉiam nur por kelkaj minutoj. Nun do unua impreso dum plurhora observado: terure multe da reklamo – n-tv ja estas privata, komerca kanalo. Sed ke jam post unua triminuta (unutema) informo sekvas 2 minutoj da reklamo, tion germanoj

ne kutimas, eĉ ne en aliaj privataj stacioj. En duonhora ĵurnalo vespere de 18.30 – 19.00 h la reklamfilmetoj okupis ne malpli ol 10 minutojn. Se ni subtrahas krome la tre detalajn informojn pri borsoj kaj akcioj kaj la relative ampleksan veter-prognozon, por veraj aktualaĵoj restas nur 15 minutoj, el kiuj krome sporto okupis kompletajn 5 minutojn. Do fine por la ceteraj sekcioj gravaj (precipe politiko, ekonomio kaj ĝeneralaj temoj) restas nur 10 minutoj! Por komparo: En ARD (unua publika programo) la vespera inform-bulteno okupas 15 minutojn, tiu de ZDF (dua publika programo) 20 minutojn.
Por rekta enhava komparo la aŭtoro spektas ekde 19 h la 20minutan inform-elsendon de ZDF. Samaj temoj, sed kelkaj prezentitaj pli detale kaj klare, krome pluraj pli-malpli gravaj temoj, kiujn eĉ ne menciis n-tv. Rezulto: ni sentas nin multe pli amplekse kaj bone informitaj per ZDF.

### Ŝoketo

Veran ŝoketon, tamen, ni spertis posttagmeze. n-tv tiun tagon premiere elsendas medicin-magazinon kun la titolo „gesundheit live“ (Gesundheit, kun majusklo, estas germana vorto por sano; live estas angla vorto por vive), duonhoran babil-programon. Ĝi ĵus komenciĝis, kiam la redakcion atingas fulm-informo ke en Bosnio finfine oni realigis armisticon. Ĉe inform-kanalo sendube mi povas prave atendi, ke la redakcio interrompas kiun ajn alian programon por tuj aktuale kaj laŭeble detale informi spektantojn pri tiom grava novaĵo. Sed kion faras tiu ĉi redakcio, kies precipa celo devas esti aktualeco? Oni simple vidigas sur la suba parto de l' ekrano skribobendon kun la informo pri la armistico! Evidente fuŝa kaj misa decido laŭ ĵurnalismaj kriterioj...

### Lingvo-miksaĵo

Inter la negativaj aspektoj de n-tv estas krome la lingvo kaj la grafika aranĝo. La detala inform-bulteno estas nomata „news“ (ĉu do eble n-tv tamen estas mallongigo




de „news tv“?), la konciza bulteneto nomiĝas „newsclip“ (aliaj kanaloj uzas ekzemple „Schlagzeilen“, germanan vorton por „fraplinioj“, aŭ „telegramo“); sed kulmino de tiu lingvomiksaĵo estas „Businesswetter“, do komercovetero el angla business kaj germana Wetter. Ni ne eltrovis la sekreton, kiel la tute ordinara veteroprognozo rilatas al komerco. Aliaj programeroj nomiĝas en moderna uson-germana lingvaĵo „news & business“, „newspunkt“ aŭ „nightlights“.
La aktualaĵojn prezentas parolistino, sidante antaŭ fona muro kun dekoj da monitoroj, sur kiuj videblas diversaj programoj; probable estas tiuj, el kiuj n-tv ĉerpas, ekzemple Reuters. Tiu ĉi aranĝo en si mem jam estas perturba, ĉar spektanton delogas la multaj elementoj. Sed vera fuŝaĵo estas, kiam apud parolistino aperas iuj fotoj, skriboj, fraplinioj k. s., kiujn oni projekcias diafane, tiel ke malantaŭ tia grafikaĵo oni ankoraŭ vidas parton de la monitoroj. Tio foje eĉ malebligas legi la tekstojn.

### Sen ekscito

Tamen, ni ne neglektu pozitivajn karakterizaĵojn kaj aspektojn. Unue: agrable surprizis nin la trankvila kaj sobra maniero de prezentado. Geparolistoj nek uzas metodojn de kermesovendistoj, kiel tion oni ofte spertas en aliaj privataj kanaloj, nek provas prezenti tute ordinarajn informojn kiel unikajn sensaciojn. Ili parolas ne ekscite sed trankvile kaj ne tro rapide, uzante normalan lingvaĵon. Due, n-tv evidente ne sekvas la modon de „infodistro“, do ne enplektas humurajn kaj ŝajnamuzajn elementojn. Trie, la enhavo estas elektita laŭ bonaj ĵurnalismaj kriterioj. Entute do serioza, netriviala inform-programo de konvena nivelo.
La sola programero kun fonraportoj (newspunkt) traktas ĉiun tagon unu solan temon, kun kontentiga detaleco. Sed kompareblaj fon-magazinoj de l' publikaj kanaloj ĉiutage havas plurajn gravajn temojn de l' tago. Do ankaŭ tiurilate la inform-kanalo n-tv ne superas aliajn seriozajn programojn.

### Tro longdaŭra

Por kio do taŭgas n-tv? Por rapida superrigardo pri plej gravaj eventoj, iam ajn dum la tago – tamen ne por profunda informiĝo. Sed jen grava malavantaĝo: la diserigo fare de konstantaj reklam-interrompoj devigas spektanton, sekvi la programon preskaŭ duonan horon por ekscii la tutan gamon da novaĵoj el diversaj sekcioj. Ni en germana federacia lando Bavario havas multe pli efikan rimedon por rapida informiĝo: radioprogramon Bavario 5. Tiu ĉi inform-kanalo elsendas kvinminutajn aktualaĵojn ĉiun kvaronan horon. Tio signifas, ke mi bezonas ne duonan horon, kiel ĉe n-tv, sed nur 5 minutojn, se mi estas bonŝanca, kaj maksimume 15 minutojn, se malbonŝanca, por koncize informiĝi pri plej gravaj aktualaĵoj. En Bavario 5 reklamo neniam interrompas inform-elsendon. Kaj nenio malhelpas min koncentriĝi je la parolata enhavo. Mi do ne bezonas n-tv, kiam rapide mi volas informiĝi pri aktualaj eventoj.

### Plia seniluziiĝo

Poste mi havis plian okazon, testi la n-tv-atuton de tuja informado, nome kiam hazarde iom antaŭ noktomezo dum vizito ĉe parencoj iu informis min pri atenco kontraŭ Rabin, pri kiu ŝi aŭdis en radio. Enŝaltinte la televidilon, mi trafis en n-tv respondojn de israela korespondanto Ulrich Sahm – kiu hazarde estas ankaŭ la korespondanto de la ĵurnalo *Augsburger Allgemeine*, kies redaktoro mi estas – al demandoj de n-tv-redaktoro pri la sekvoj de l' atenco. Post li oni sammaniere pridemandis korespondanton en Usono, kiu tamen nur balbutis kaj precipe informis nin pri tio, kiom bone li konis la murditan israelan ministroprezidanton.
Sed el tiu ĉi programo, komprenebla, mi ne povis tuj ekscii, kio fakte okazis. Bone, ni atendu nokto-

mezon, kiam ja laŭ la n-tv-skemo oni elsendos inform-bultenon. Ĝi montris filmon sen precizaj klarigoj, kaj ankaŭ la resuma informo pri la evento estis relative rudimenta kaj konfuza. Poste mi transŝaltis al ZDF, publika germana televido, kiu ĵus komencis noktan inform-bultenon. El ĝi mi kaptis koncizajn, klarajn kaj tamen sufiĉajn, solidajn informojn. Tute klare, la ZDF-bulteno estis multgrade pli profesia ol tiu de n-tv. Jen do plia seniluziiĝo pri la informkanalo.
Stefan MAUL

---

# Nova Perspektiko

Lanĉiĝis en aŭtuno 1995 en Britio *Perspektivoj* (angle: *Prospect*) – nova ĉiumonata politika revuo kiu, laŭ ties redaktoro David Goodheart, „plenigos la nigran truon inter tuja, supraĵa televida analizado kaj apenaŭ alirebla komentado en minoritataj, pli malpli fakaj eldonaĵoj".

**Kuraĝa eksperimento**

Eksperimento kuraĝa, ĉar la historio de politikaj semajnaj aŭ monataj magazinoj en Britio pululas je fiaskoj. Plene mankas tradicio de usonaj *Time* aŭ *Newsweek* aŭ de germana *Der Spiegel*: britoj obstine preferas siajn kutimajn ĉiutagajn aŭ dimanĉajn gazetojn. En la fruaj 80aj jaroj kolapsis post nur tri-kvar numeroj maldekstremeta (kia *Perspektivoj*) revuo *Now!* (*Nun!*); same enteriĝis *Marxism Today* (*Marksismo hodiaŭa*) kaj *Modern Review* (*Revuo moderna*). Goodheart insistas, ke *Persektivoj* spegulos gamon de politikaj opinioj kaj vidpunktoj ... kaj la unua numero enhavis imponan kontribuantaron. Artikoloj inkluzivas analizojn de aktualaĵoj en Bosnio kaj raporton pri britaj lokaj juĝistoj.
Tamen restas ankoraŭ neklare, ĉu la unua numero de *Perspektivoj* fariĝos unikaĵo. Certe estas, ke la eldonisto de tiu ĉi „esearo por epoko skeptika" (Goodheart) neniam riĉiĝos: necesos multe da ŝvito, bonŝanco, espero ... kaj abonantoj.
Paul GUBBINS

---

# Alternativa kultur-kanalo

**Kiam ĝi startis fine de majo 1992, multaj moketis pri la franc-germana kultur-televido ARTE, sed intertempe regule sekvas ĝin 14 milionoj da francoj kaj 4 milionoj da germanoj. Evidente ĝi sukcesis spite al ĉiuj skeptikuloj.**

ARTE (mall. de Association Relative á la Télévision Européenne) estiĝis per iniciato de tiama franca ŝtatprezidanto Mitterrand kaj germana kanceliero Kohl, kiuj la 2an de oktobro 1990 subskribis internacian kontrakton. Dekomence ARTE havis seriozan kaj altnivelan programon – hazarde ankaŭ en Esperanto prave la nomo signalas artecon. Ĝi elsendas ĉiutage ok- ĝis dek-horan programon ekde 17 h, tute sen interrompoj per reklamoj, cetere.

**Eksperimentema**

Krom magazinojn kaj raportaĵojn ofte eksperimentemajn, oni povas spekti operojn, dramojn kaj dancteatraĵojn, premierojn de germanaj kaj francaj televid-teatraĵoj – do ĝuste tiajn programerojn, kiuj tute ne trovas lokon en privataj, komercaj kanaloj, kaj kiujn ege reduktis ankaŭ ŝtataj kaj duonŝtataj televizioj. Sen konkurenco estas ĝiaj tem-vesperoj: pluraj, diversaj ĝenroj pri sama ĝenerala temo. Kaj ĉiulunde ĝi ofertas bonajn kinofilmojn.
La programon komune produktas franca tv La Sept kaj la germanaj duonŝtataj ARD kaj ZDF; germa-

---

## *Gratulojn al FAME-premiito Gersi Alfredo Bays kaj Fonto!*

Post *Heroldo de Esperanto* en 1994, la duan fojon FAME-fondaĵo por stimulado de internaciaj kompreniloj per sia prestiĝa kultur-premio distingas ĵurnalistan kolegon: la 5an Esperanto-Kulturpremion de Aalen en valoro de 10 000 germanaj markoj en 1996 ricevos la brazila eldonisto *Gersi Alfredo Bays* pro siaj meritoj pri ampleksa eldonado de literaturaj verkoj kaj la revuo *Fonto*.
FAME pravigas la elekton jene: Bays, instruisto loĝanta en fora regiono de suda Brazilo, 1977 apudprofesie komencis prezinde kompostadi por Esperanto-eldonejoj. Tiel li ebligis ekzemple aperigon de monumenta *Plena Analiza Gramatiko de Esperanto* de Kalocsay/Waringhien. En 1980 li mem fondis eldonejon kaj de tiam publikigis pli ol 60 librojn. Fine li ekde oktobro 1980 eldonas la monatan literatur-revuon *Fonto*. En ĝi aperis kontribuaĵoj de la plej bonaj literatoroj; krome en ĝi – kaj nur tie – povis debuti ankaŭ multaj novaj talentuloj. Per intertempe preskaŭ 200 numeroj *Fonto* fariĝis la plej ampleksa literatura revuo en la Esperanto-historio. Kaj ĉi ĉion Bays realigis sub plej malfavoraj ekonomiaj cirkonstancoj kaj multaj personaj oferoj.
TEĴA gratulas al kolego Bays!

Krome FAME starigis apartan sciencan premion de 3000 germanaj markoj; la unuan fojon FAME atribuos ĝin en 1997.

Informkajereton pri FAME-fondaĵo volonte sendas al vi:
Stefan Maul, Pferseer Str. 15, DE-86150 Augsburg, Germanio.

arte

naj kotiz-pagantoj financas ĝin per 210 milionoj da markoj jare, la franca registaro donas jare 300 milionojn da markoj. Komence la kanalo simple estis stacio, kiu transportis programojn de tiuj tri televizioj, sed la ARTE-centralo en Strasburgo akiris pli kaj pli da memstareco kaj evoluigis sian propran program-profilon, krome gajnis novajn partnerojn: Belgion, Svislandon kaj Hispanion. Ke en Germanio, cetere, spektas ne pli multaj tiun ĉi pretendeman programon, havas ankaŭ teknikan kialon: germanoj nur per kablo povas ricevi ĝin, kaj tio signifas ke nur iom pli ol la duono de l' germanaj loĝunuoj povas spekti la ARTE-kanalon.

**Sur bona vojo**

Tiu ĉi tv-programo do pruvas, ke ankaŭ serioza kultur-televido havas ŝancon, ke necesas tia alternativo al la plej multaj unuformaj kaj platenhavaj komercaj kaj (parte) publikaj televidoj. ARTE montras, ke ankaŭ serioza programo povas esti ekscita kaj amuza. Sendube ĝi estas survoje al vera eŭropa kanalo por tiuj, kiujn pli kaj pli naŭzas la pure distraj kaj subnivelaj aliaj kanaloj. sm

# Honorigo de Grabowski

La 16an de novembro 1995 en la sidejo de la Fakultato pri Kemio de la Varsovia Universitato okazis malkovro de memortabulo omaĝe al Antoni Grabowski – elstara pola kemiisto – pro lia kontribuo al la evoluigo de la Esperanto-literaturo kaj tutspeciale de la poezio.
La solenaĵo havis tre festan kadron. El Usono venis profesoro Antoni Kruszewki, la nepo de Grabowski, kiu financis la memortabulon. Prof. Kruszewski estas lekcianto pri politikaj sciencoj en unu el la teksasaj universitatoj.

**Kompleta verkaro?**

Naskiĝis ideo aperigi ĉiujn nepublikigitajn ĝis nun libroforme artikolojn kaj recenzojn de Grabowski, kiuj troviĝas dise en la malnovaj jarkolektoj de E-revuoj, inkluzive de liaj prilingvaj studoj aperintaj en *La Gazeto*. Oni serĉas eventualan eldonemulon.
Okaze de la malkovro de la memortabulo, la E-redakcio de Pola Radio organizis tri konkursojn dediĉitajn al Grabowski. Ĉ. 50 personoj gajnis premion en la formo de E-traduko de Grabowski kun la aŭtografo de la nepo.

Mi supozas, ke prof. Kruszewki pretus iom kontribui finance al realigo de la projekto. Li estas granda admiranto de la avo kaj danke al liaj penadoj en 1988 oni restarigis en Varsovio memortabulon sur la domo, en kiu li iam loĝis, kun teksto informanta pri liaj literaturaj atingoj.
Andreo PETTYN

E-GAZETARO

# Ĉu indas recenzi?

Granda parto de la recenzoj publikigitaj en esperanto-gazetoj ŝajnas plenumi unu ĉefan taskon: konfirmi al la rondo familia ke iu el la diligenta kolegaro eldonis verkon en la internacia lingvo, kiun ni kompreneble devas entuziasme aplaŭdi.
Tio estas domaĝo, ĉar efektive la esperanta kulturo povus multe gajni, se oni iom pli ofte eluzus la recenzo-spacon de la gazetaro por vere informi kaj prijuĝi, ne nur samideane frapeti la ŝultron unu de la alia. La legantoj gajnus tion, ke ili ekhavus etan rebrilon de diskuto pri enhavo kaj formo, kio povus helpi pripensi kio plaĉas al ili, kio legindas kaj aĉetindas, kaj kio ne. Eĉ pli grave estus, ke la verkantoj, aktoroj, eldonantoj kaj aliaj envolvitoj ricevus almenaŭ pecetojn da retroinformo, kiujn ili povus uzi por evoluigi sian pluan kreadon.

**Nur ŝutas flaton...**

En Esperanto, ŝajnas al mi, foje iu debutas per romano, kasedo, poemaro, kiu montras talenton kaj mankojn, kiel normale. Sed neniu recenzanto eĉ flustras pri la mankoj, kontraŭe oni ŝutas flaton sur la aŭtoron. Aperas dua provo, jam plena de mankoj kaj malzorge tajlita. La laŭdoj kreskas al persona kulto. Kaj ĉe la tria verko, nia eksdebutanto estas jam institucio netuŝebla, produktanta fluon da nematuraj banalaĵoj.
Ja preskaŭ ĉiuj homoj aprezas laŭdojn. Eble ne ĉiuj povus eĉ kiel debutanto sorbi kaj lerni de kritiko kaj atentigo pri mankoj. Sed la plimulto tamen povus utiligi kritikan traktadon de aliaj verkantoj, kaj eĉ mem partopreni en literatura diskuto. Sed la sola kampo, kie tio vere okazas, estas en eta angulo de lingvo kaj stilo: la debato pri neologismoj kaj lingvaj skoloj.
Sten JOHANSSON

# Haveblaj en ĉiuj sistemoj

Kune kun la Pola Esperanto-Kongreso okazis somere de 1994 en Varsovio la Internacia Esperanto-Konferenco kun la temo „Vivo kaj Verko de Ivo Lapenna“. Mi estis petita fari prelegon kaj prezenti valoran memoran materialon pri nia bona amiko.
Oni aldone petis min filmi ĉiujn prelegojn. Kompreneble mi ankaŭ filmis la turisman programon kun la postkongresa ekskurso al Bjalistoko; entute estas programo de dek horoj. Ĉar en Varsovio mi ne povis montri mian tutan prepari-

tan bendon, mi aldonis ankoraŭ du horojn por kompletigi la bildon pri nia granda oratoro per la lastaj paroladoj, prelegoj kaj lekcioj en la Jubilea Esperanto-Kongreso en Graz/Aŭstrio 1987 kaj parton de la funebra ceremonio.
La proponataj tri vidbendoj ampleksas dekdu horojn kaj estas riceveblaj en ĉiuj kolorsistemoj: PAL, SECAM (por Francio), MESECAM (por orientaj landoj), NTSC (por Brazilo, parte Sudameriko, Japanio, Koreio), PAL-M (por Brazilo), PAL-N (por Argentino). Prezo 200 DEM (220 NLG). La enkonduka prezo ŝajnas malalta, se oni komparas alian oferton. Tamen je pli malalta prezo ni povus liveri nur en specialaj kazoj. Revendistoj ricevas trionan rabaton ekde tri ekzempleroj.
Pagoj akceptiĝas pere de la konto

*Multan plezuron dum spektado de vidbendoj!*



gbec-w ĉe UEA aŭ sendendaj al poŝtbank-konto 91535-663 (Günther Becker), poŝta banko Saarbrücken, Germanio (banka kodo 590 100 66).
El la enhavo: Turismo. Prelegoj: Banet-Fornalowa, Becker (kun prezento de lekcio pri la parolarto de Lapenna), Birthe Lapenna, Bruno Masala, Tyblewski, Omaĝo al Jean Thierry, Pettyn/Pietrzak, Perko, De Zilah, Lapenna en Graz, funebra ceremonio.
Günther BECKER
Aŭdvida Centro de Sarlanda Esperanto-Ligo
(adreso: Alter Hangarten 2, DE-66440 Blieskastel, Germanio)

## Uzita papero – valora krudmaterialo

En 1993 oni reuzis tutmonde **98,5** milionojn da tunoj da papero - kompleta paper-produktado: **251,6** milionoj da tunoj, kvoto de reuzpapero **39,1 %**

*Tiom da reuzpapero/loĝanto en kilogramoj en...*




*Tiu ĉi statistiko ne atentas pri la fakto, ke en iuj landoj kolektado de uzita papero estas pli populara ol en aliaj. En Germanio tio efikas, ke dum jaroj oni disponas pri tro multa uzita papero, kiun do oni ne uzas enlande por reciklado, sed eksportas eksterlanden. Do estiĝas falsa impreso pri la kvoto de kg/loĝanto.*

*Reciklado de papero estas grava medi- kaj naturprotekta rimedo. Precipe ĵurnaloj kaj gazetoj estas presataj sur tia papero. Sed en diversaj landoj tiu ĉi metodo savi arbarojn ne jam estas sufiĉe aplikata.*

Fonto: (germana) Ifo-Instituto de Ekonomia Esploro

**ESPERANTO-GAZETARO**

## Reaperas Esperantisto Slovaka

La gazeto *Esperantisto Slovaka*, kiu en 1996 festas sian 50jaran jubileon (en 1946 ĝin fondis s-ro Ernesto Váña), post malfacilaĵoj aperados plu kiel memstara kaj sendependa gazeto de slovakaj esperantistoj. Preparkomitato, konsistanta el reprezentantoj de slovakaj E-organizaĵoj, fronte kun la fondinto de la gazeto s-ro Váña, komisiis pri la redaktado la iaman redaktoron de *Esperantisto Slovaka*, s-ron Stano Marĉek, Zvolenská 15, SK-036 01 Martin, Slovakio.
La redakcio interesiĝas pri kunlaboro ankaŭ kun redakcioj de la ceteraj E-gazetoj kaj bonvenigas eksterlandajn kunlaborantojn kaj abonantojn.

**RECENZO**

## Riĉa kolekto de parolturnoj

Jen verko interesa nelaste por ĵurnalistoj, kiuj iom scias la germanan lingvon. En sia germana-esperanta „Parolturnaro" Hans kaj Kerstin Wiersch kolektis 20 000 frazojn, frazerojn, sintagmojn, dirmanierojn, idiotismojn kaj proverbojn. La kolekto povus esti modelo ne nur por aliaj etnaj lingvoj, sed ankaŭ por unulingva „Plena Parolturnaro", kiel proponas gesinjoroj Wiersch.
Ne ĉiuj ekvivalentoj bone sidas en Esperanto, ĉar oni simple devis traduki germanajn parolturnojn, ne trovinte aliajn formojn aŭ nuancojn internacie kompreneblajn; povas esti, ke samsencaj aŭ samtendencaj parolturnoj el aliaj etnaj lingvoj donus pli konvinkan rezulton en la lingvo internacia.
Sed ankaŭ inverse foje germanaj parolturnoj taŭgas; ekzemple por „Schlagzeile" tute bona kaj internacie komprenebla estas „fraplinio", laŭvorta traduko, aŭ „frapti-

tolo"; tamen ni trovas ĉe Wiersch: titoli ion majuskle. Sed fraplinio ne nepre uzas nur majusklojn.
Cetere, mi rimarkis ke ofte la plej sukoplenaj parolturnoj estas Zamenhofaj – evidente li ankaŭ tiurilate estis pli genia ol multaj liaj postaj adeptoj. Nu, pri tio ne kulpas la kompilintoj, ĉar ili ja ĉerpis multon el aliaj verkoj. Por Plena Parolturnaro oni (kiu?) devus trafosi milojn da libroj kaj revuoj, ne nur vortarojn, por trovi pliajn vere sukoplenajn vortumojn.
Ĉe iuj kapvortoj oni en posta eldono devus trovi pli konvenan aranĝon; ekzemple sub Auge (okulo) aperas teksto de ne malpli ol 6 kolumnoj – do estas relative malfacile, trovi difinitan parolturnon. Sed kiel ajn, jen verko kiu utilos al multaj ĵurnalistoj, verkantoj kaj precipe tradukantoj, sed komprenebie ankaŭ al ordinaraj progresintaj parolantoj de la lingvo internacia.
Stefan MAUL

Hans & Kerstin Wiersch, Parolturnaro germana-Esperanto, 416 p., eld. Esperanto 2000, Leuven-Heverlee, 1995.

# „Radioredaktoro iom similas al dentisto"

## Intervjuo kun J. M. Nowakowski, ĉefdirektoro de eksterlanda programo de Pola Radio

**Kiel vi povis legi en la antaŭa numero de IĴ, la UKon en Tampereo vizitis la ĉefdirektoro de la eksterlanda programo de Pola Radio, Jerzy Marek Nowakowski. Post reveno li donis intervjuon al redaktorino Barbara Pietrzak, el kiu ni citas partojn.**

**Demando:** *Niaj aŭskultantoj kun vera surpriziĝo, cetere tre pozitiva, bonvenigis la fakton, ke vi alprenis la decidon forveturi al la 80a UK en Tampereo. Kio estis la celo de via vojaĝo?*

**Nowakowski:** Kun granda plezuro mi forveturis al la universala kongreso, unuavice por renkontiĝi kun niaj geaŭskultantoj, kiuj sekvas la esperantlingvajn elsendojn de Pola Radio. Kroma motivo estis la fakto, ke mi povis tie relative multon diri pri la 70-jariĝo de Pola Radio, ĝia jubileo kaj nur ne multe malpli longa tradicio de la esperantlingvaj elsendoj, kiu tradicio jam havas 67 jarojn. [...] mi persone konatiĝis kun tre multaj, ege interesaj homoj. Mi havis multegon da interesaj kontaktoj same kun reprezentantoj de diverslandaj radiofonioj, ekz. Ĉinio, Finnlando, Estonio, kiel ankaŭ kun multaj gravaj personoj de la publika vivo el multaj landoj.

**Demando:** *Kiaj estis viaj impresoj pri la renkontiĝo kun geaŭskultantoj? Ĉu vi partoprenis ĉi-specan renkontiĝon la unuan fojon.*

**Nowakowski:** Jes, la unuan fojon, sed mi esprimu la esperon, ke ne la lastan. Evidente por radiolaboranto la renkontiĝo kun geaŭskultantoj estas ĉiam kialo de granda ĝojo; radiolaboranto, radioredaktoro iom similas al dentisto. Dentisto ankaŭ povas diri al sia paciento, kion li/ŝi volas kaj ne havas la ŝancon aŭdi la reagon. Simile estas, se temas pri radia ĵurnalista laboro. Tial do la renkontiĝo kun vivanta radioaŭskultanto estas ege grava. Dum ĉi tiu renkontiĝo oni prezentis kelkajn rimarkojn kun teknika karaktero. [...] Fine konfirmiĝis iuj miaj intuiciaj supozoj, ke ĉiam pli multaj aŭskultantoj sekvas niajn dis-aŭdigojn satelitvoje, danke al kio la ricevokvalito estas tre altnivela, tute perfekta, komparebla kun la aŭdebleco de la lokaj stacioj. Tio estas tre grava, ĉar tio ebligas riĉigi la program-oferton.
Multajn laŭdojn oni direktis al la estro de la esperantlingvaj elsendoj, ĝustadire ĉiuj koridoraj renkontiĝoj kaj interparoloj plenplenis de gratul-esprimoj pri tio, kiom altkvalita kaj bona estas la esperantlingva programo aŭdigata el Pollando. Tio estis kaŭzo de mia profunda kontentiĝo.

**Demando:** *Kiel vi taksas la tampereran renkontiĝon kun geaŭskultantoj? Kiamaniere vi vidas la perspektivojn de la esperantlingvaj elsendoj de Pola Radio?*

**Nowakowski:** [...] La radiostacioj similaj laŭ karaktero al tiu de Pola Radio por eksterlando laboras en kondiĉoj malmulte komfortaj por ĵurnalistoj. Nome plej ofte ne ekzistas rekta kontakto kun la aŭskultanto kaj ja ĉiu el ĉi tiuj kontaktoj estas treege interesa, treege instrua. Dum ĉi tiu kongreso en Tampereo mi renkontis multegajn kongresanojn, partoprenantojn; preskaŭ ĉiu dua kongresano, kun kiu mi havis la eblecon interparoli, deklaris ke li aŭ ŝi estas aŭskultanto de niaj elsendoj.

**Elita publiko**

Kial kun ioma timemo mi bonvenigis ĉi tiujn deklarojn? Tial, ke ni estis tro multe glorigataj. Ne estas bone esti konvinkita, ke la elsendoj de ni farataj estas eĉ tiom perfektaj. Evidente ni devus klopodi, ke la esperantlingvaj elsendoj estu ankoraŭ pli bonaj. Sed certe por mi, kiel la direktoro de la eksterlanda programo, tiuj deklaroj estis la kaŭzo de granda plezuro. [...] la loko de la esperantlingvaj elsendoj de la eksterlanda programo estos almenaŭ la sama, kaj devus esti ankoraŭ pli bona ol ĝis nun. Nome plia instruo por mi fontanta el ĉi tiu kongreso estas jena: ni, niaj elsendoj atingas elitan publikon, elitan aŭskultantaron, homojn kun signife pli alta ol la meza edukiteco, kun signife pli grandaj ol mezaj influoj en siaj vivmedioj; tre ofte temas pri homoj kun sociaj pasioj, kun aparta socia aktivado, kiuj infektas per siaj opinioj la mediojn, la ĉirkaŭantaron, kaj ĉiu radiofonio devus strebi al laŭeble bona alparolo de tiaj aŭskultantoj, al akiro de ĉi-specaj aŭskultantoj. Tia intuicia supozo, iom rezultanta el la korespondaĵoj, rezultanta el la analizo de la esperantistaj medioj en Eŭropo, plene konfirmiĝis en Tampereo

kaj mi tre ĝojas pri tio.

**Demando:** *Mi ĝojas aŭdi tiujn promesoplenajn vortojn pri la perspektivoj de niaj elsendoj, pri kiuj perspektivoj kelkfoje en la pasinteco niaj aŭskultantoj havis iom da duboj.*

**Nowakowski:** Mi pensas ankaŭ, ke oni devas konsideri la aferon, kiamaniere niaj esperantlingvaj elsendoj atingu grandegan potencialan aŭskultantaron esperantistan, kiu ĉiam pli klare kreiĝas en la landoj de la fora Oriento. Mi opinias, ke se Esperanto celas esti lingvo de internacia komunikado, ĝi tutaparte havas evoluŝancojn pro tio, ke ĝi estas pli facila por ĉino, koreo, japano ol kiu ajn el la eŭropaj lingvoj kaj ni devus atingadi ĉi tiun mondregionon.

### *Publika* letero pri *nefermita* letero

Estimataj gelegantoj,
alvenis ĉe mi teksto kun titolo „Nefermita Letero". Mirigite mi rigardis ĝin kaj konstatis, ke tamen ĝi estas fermita.
Mi mem malofte forgesas fermi leteron. Kutime mi malfermas ĝin per „Estimata ..." aŭ per „Kara amiko/kolego" kaj fermas ĝin solene per „sincere via" aŭ pli familiare per „kore/amike via Stefan". Poste mi metas ĝin en koverton, kiun mi ankaŭ fermas kaj la adresato devos malfermi por legi mian fermitan leteron.
Do kio povus esti „nefermita letero"? Probable oni volas diri, ke ĝi ne estas enkovertigita, do ĝi estas senkoverta letero. Tamen, la aŭtoroj, kiuj sendis al mi la menciitan tekston, tutcerte volis sendi „publikan leteron", ĉar la enhavo estas destinita por gazetaro, do por publikigo, do publika – kontraste al privata letero.
Aŭ kion vi opinias?

Sincere via Stefan Maul

KOMUNIKAD-SCIENCO

# Pri percepta disonanco kaj aliaj efiko-teorioj

**Diskutado en komunikad-scienco pri efikoj de amaskomunikiloj al konsumantoj estas multjardeka, kun variaj, eĉ kontraŭdiraj tezoj kaj teorioj. Definitivaj kaj fidindaj rezultoj tiukampe ankoraŭ ne ekzistas, tamen tendenco iĝas iom post iom pli klara. Kia estas la nuna stato de tiu ĉi scienca diskuto?**

Demandoj de esploristoj estas ekzemple: Kiom potencaj estas komunikiloj? Kiujn efikojn ili havas? Kiamaniere ili influas publikon kaj individuojn? Kion komunikiloj faras al, pri kaj el homoj? Tiu ĉi lasta demando, komenca elirpunkto de sciencistoj, hodiaŭ fakte jam ne plu estas en la fokuso, sed oni demandas inverse: Kion faras la *homoj* per kaj pri komunikiloj?

**Ĉion- aŭ senpova?**

Al la demando pri efikoj al homoj oni trovis respondojn plej diversajn, de ĉion-povo ĝis kompleta senpotenco de komunikiloj. Ambaŭ ekstremaj pozicioj hodiaŭ estas kontestitaj; dependas de la kondiĉoj, kaj ili estas tre kompleksaj. La tiama *impuls-reago-teorio*, ekzemple, kredigis la konsumanton pasiva kaj negelektis retro-efikon de publiko al amaskomunikiloj. Poste oni havis teorion pri *du-faza fluo* de komunikado. Ĝi premisis, ke opiniojn formas multe pli forte persona interkomunikiĝo ol amaskomunikiloj tiel ke komunikilaj mesaĝoj plej ofte ne efikas rekte al ricevantoj, sed laŭ kromvojo de tiel nomataj „opini-gvidantoj". Temas pri homoj, kiuj konsumas komunikilojn aparte intensive kaj influas efikojn de komunik-enhavoj ĉe aliaj dum persona dialogo pozitive aŭ negative.
Pli kompleksa teorio emfazis, ke komunikiloj ne *ŝanĝas* opiniojn, sed maksimume povas *konfirmi* kaj *plifortigi* ekzistantajn opiniojn. Laŭ tiu ĉi intensigo-hipotezo homo estas des malpli akceptema por influo per amas-komunikiloj ju pli stabilaj estas liaj sociaj kontaktoj kaj valor-imagoj. Inverse, laŭ la teorio, kreskas influo de amaskomunikiloj en tiuj sferoj kaj kampoj, en kiuj homo ankoraŭ ne elformis sian propran opinion.

**Selektemo**

Nu, en ĉiuj tiuj teorioj sendube estis parte ĝustaj ekkonoj. Aldoniĝis plia grava observo pri konduto de konsumantoj, ties selektemo. Ĝi estas la bazo de l' tielnomata „teorio de percepta disonanco". Laŭ ĝi strebas ĉiu homo percepti nur tiajn informojn kaj precipe opiniojn, kiuj ne kontraŭas liajn proprajn konvinkojn. Oni argumentas favore al tiu ĉi teorio per la reguloj de homa perceptado: eldiroj – ankaŭ tiuj de amas-komunikiloj – baziĝas sur simboloj. Sed ĉiu simbolo estas plursignifa kaj bezonas individuan deĉifradon; ĉiu homo deĉifras tiel, ke estiĝas senco por li.
Per tio li aktive partoprenas la procezon de komunikado, ĉar li perceptas eldirojn de l' komunikiloj selekte kaj sencodone. La renkontiĝon kun la komunikiloj kvazaŭ determinas serĉado de *kongruo* kun la propraj pensmanieroj. Tio komenciĝas per elekto de periodaĵo aŭ programo, kontinuas dum la perceptado kaj eĉ determinas poste, kiuj eldiroj restas en memoro.

**Spite al racio**

La „percepta disonanco" estas psikologia faktermino. Temas pri tio, ke homo ekkonas kaj perceptas, sekve do scias ion, tamen ne konsekvence aplikas por si mem tiujn ĉi ekkonojn, perceptojn kaj sciojn en difinita okazo, tiel ke estiĝas disonanco en tiu homo mem, diso-

**Ne nur *Monato*...**
estas legebla en elektronika reto. Jam pluraj internaciaj (nacilingvaj) magazinoj kaj grandaj ĵurnaloj ofertas sian enhavon sur hejma komputila ekrano. Sed jen, kiel unua germana regiona ĵurnalo *Augsburger Allgemeine* sub la nomo AUGSBURG NEWS LINE (vidu apude) prezentas sin en komputila reto. La eksperimento montriĝas ne malsukcesa: preskaŭ 3500 uzantojn oni kalkulis dum la unua duona jaro.

nanco inter percepto kaj apliko. Ĉiu el ni konas el ordinara vivo spertojn pri tia disonanco. Pensu ekzemple pri fumanto: racie li scias pro multaj klaraj sciencaj eldiroj kaj pruvoj, ke fumado de tabako estas malsaniga, damaĝas la homan organismon kaj povas kaŭzi kanceron kaj en plej malbona okazo kondukas al frua morto. Spite al tia klara percepto, fumanto por si mem serĉas kaj trovas mil argumentojn, pretekstojn kaj konvinkojn, kial li volas kaj povas daŭrigi fumadon. Tio estas tipa konduto de homo kun percepta disonanco.

Kiel esperantistoj ni konas tiun ĉi fenomenon ankaŭ rilate la lingvon internacian, kiam homoj ja klare perceptas, ke la solvo de la lingvoproblemo helpe de Esperanto estas evidenta, kaj tamen tiuj hmoj ne pretas subteni la ideon aŭ eĉ mem lerni la lingvon internacian.

**Aktiva publiko**

Se ni kunigas la ĉi-supre menciitajn ekkonojn de l' diversaj teorioj kaj koncernaj esploroj, ni venas al koncepto pri „aktiva" publiko kun tute nova premiso en esplorado pri efikoj de komunikiloj. Ni ne plu devas demandi: „Kion komunikiloj faras pri homoj?" sed nun demandas: „Kion homoj faras per komunikiloj?"

La respondo estas, ke konsumantoj atendas, dediĉante sin al komunikiloj, certan utilon, kiu respondas al iliaj individuaj atendoj kaj bezonoj. Tiaj estas precipe:

• **Inform-bezono:** orientiĝo pri gravaj eventoj, serĉo de konsiloj, kontentigo de scivolemo, lernado, plispertiĝo, strebado al certeco pri scioj.

• **Bezono de persona identeco:** konfirmado de persona valor-konservado, serĉado de kondut-modeloj, identiĝo kun aliaj homoj, mem-ekkono.

• **Bezono de integriĝo kaj socia inter-agado:** identiĝo kun aliaj, sento de kunapartenado, kompenso de societemo aŭ partnereco, helpo por akcepti sociajn rolojn, trovado de kontaktoj.

• **Distro-bezono:** amuziĝo kaj malstreĉiĝo, kultura kaj estetika edifado, fuĝo el realeco, emocimalŝarĝiĝo, stimulado.

Tiaj bezonoj determinas la tutan komunikad-procezon: antaŭe, do ĉe elekto de programo aŭ de periodaĵo; dume, do ĉe atentemo, perceptado kaj interpretado; poste, do ĉe priparolado kaj memorado. Esploroj surbaze de tiu ĉi utiliga premiso donas indikojn pri motivoj por uzado de unuopaj komunikiloj, kiuj permesas klasifikadon de l' amas-komunikiloj laŭ ties utilo kaj bezon-kontentigo el la vidpunkto de l' publiko.

Se ni akceptas la ideon pri aktiva publiko, kiu uzadas komunikilojn laŭ siaj bezonoj, oni devas atribui al la komunikiloj relative modestan manipul-povon. Tion tamen volas kontesti la teorio de „silento-spiralo"; ĝi premisas ke amas-komunikiloj – speciale televido – influas la *klimaton* de publika opinio. Laŭ la observoj, ĉe multaj ĵurnalistoj ekzistas tendenco, sammaniere priĵuĝi kaj prezenti gravajn kaj atentokaptajn temojn. En Esperanto-ĵurnalismo ni konas la plendon, ke en ĉiuj gazetoj oni legas la samajn aferojn... Pro tia ŝajna interkonsento estiĝas la impreso, ke temas pri opinio de l' plimulto de homoj, kvankam eble la plimulta opinio estas tute alia.

Sed – jen plia premiso de tiu ĉi teorio – multaj homoj inklinas subpremi sian propran opinion favore al la (ŝajna aŭ vera) plimulta publika opinio, por ne izoli sin en socia medio. Per tio ilia parto de perceptebla publika opinio fariĝas eĉ malpli granda ol ĝi fakte estas: la silento-spiralo turniĝas. Tiun ĉi teorion pri silentado pro timo kompromiti sin en sia socia medio oni kritikas precipe pro la dubindaj

premisoj pri konduto de ĵurnalistoj: Ĉu ne simple povas esti, ke temoj en si mem estas gravaj kaj ke pro tio ĉiuj ĵurnalistoj – prave – donas al ili prioritaton?

**Difino de realo**

Multe pli ĝenerale agnoskitaj teorioj estas tiuj de „agendo-starigo" kaj „tagordisto". Laŭ tiuj konceptoj pri efiko de amas-komunikiloj ili ne tiom determinas, *kion* pensas la publiko, sed *pri kio* ĝi pensas kaj diskutas. Efiko de komunikiloj do estas precipe, ke ili strukturas la realon por la publiko kaj tiel kvazaŭ difinas ĝin. Per elekto de temoj, maniero de prezento kaj emfazoj komunikiloj determinas, kiujn temojn politikistoj kaj publiko taksas gravaj kaj signifaj. Ĵurnalistoj do starigas tag-ordon aŭ agendon kaj donas al unuopaj temoj rangojn, kiuj ne devas kongrui kun la veraj rangoj de l' problemoj.

Tiun ĉi efikon de amas-komunikiloj ĉiu el ni povas daŭre observi, kiam pro emfazo de unu komunikilo – gazeto aŭ televid-kanalo – iu (eble ne vere grava) temo fariĝas vaste diskutata, ĉar ankaŭ multaj aliaj komunikiloj intense okupiĝas pri ĝi kaj suĉas pli kaj pli multajn detalojn el tiu ĉi afero. La fenomenon karakterizas krome, ke ankaŭ tiuj ĵurnalistoj, kiuj (prave) konsideras la subite sensacian temon akcesora, tamen devas okupiĝi pri ĝi, ĉar ĉiuj ja diskutas ĝin. Sed same subite, kiel ĝi ekaperis, ĝi forgesiĝas de unu tago al alia, kiam oni ne plu trovas interesajn facetojn – aŭ ĉar ekaperis alia, pli freŝa temo... Jen tipa efiko de „tagordisto".

**Forta supertakso**

Se oni kribras ĉiujn tiujn teoriojn, oni facile konstatas, ke ili preskaŭ ekskluzive atentas nur pri momentaj, unufojaj aŭ – en plej bona okazo – mallongdaŭraj efikoj de amas-komunikiloj al publiko kaj individuoj. Komuna trajto de ĉiuj tiaj teorioj evidente estas forta supertakso de l' potenco de amas-komunikiloj. Tiuj ĉi teorioj (escepte de tiu pri percepta disonanco) pretervidas, ke homoj ĉiutage troviĝas sub influoj de tre multaj impresoj, el kiuj enhavoj de komunikiloj konsistigas nur malgrandan parton. Sekve ankaŭ efikon de amas-komunikiloj influas aro da faktoroj kiaj estas personaj valor-konceptoj, sociaj kondiĉoj, individuaj aspiroj kaj bezonoj, kiel ni montris supre en la listo de atendoj pri komunikiloj. Do la demando, kiel efikas amas-komunikiloj, ne estas simple respondebla, ĉar la efik-procezo estas eksterordinare kompleksa. Certa estas tamen la ekkono, ke komunikiloj ne konvinkas tuj, sed ke ili efikas dum longdaŭraj evoluoj, destinante pri kio pensadas homoj. Tiel komunikiloj konsiderinde influas imagojn de homoj kaj ĝenerala publiko pri la realo.

**Longtempa efikado**

Resume kaj konklude ni povas konstati, ke la moderna komunikad-scienco emfazas (kaj laŭeble esploras) la longtempajn efikojn de amas-komunikiloj. Ili ja transportas ne nur mesaĝojn en la senco de opinioj, sed ankaŭ imagojn pri mondo, mondirgardojn kaj valorkonceptaĵojn, kiuj longdaŭre povas multe pli efiki al homoj ol aktualaj kaj efemeraj konvink-efikoj. Ekzemplo por tio estas uzado de televido fare de infanoj, kiun oni jam povis iom esplori: Ĝi postlasas en sociigado de infanoj, kiu ja daŭras plurajn jarojn, klarajn spurojn.

Sed longtempaj studaĵoj pri efikado de amas-komunikiloj bedaŭrinde ĝis nun preskaŭ ne ekzistas, ĉar ili estas komplikaj, kostaj kaj temporabaj.

**Konkludoj por la praktiko**

Kion ni povas konkludi el ĉio ĉi por la praktika ĵurnalista laboro, ekzemple por informado pri Esperanto? Ni atentu precipe jenajn faktorojn:

- **Tuja efiko de iu unufoja mesaĝo** ne estas atendebla, escepte ĉe homoj, kies opinio jam kongruas kun tiu mesaĝo. Certe, tion ni ne celas unuagrade per informado pri Esperanto, tamen ja ankaŭ gravas, ke tiel ni konfirmas opiniojn de tiuj homoj, kiuj jam estas konvinkitaj kaj serĉas agnoskon.

- **Konstanta informado** povas veki simpatiantojn, do konvinki kaj eble eĉ aktivigi homojn, kiuj favoras la ideon de internacia interkompreniĝo. Se ili relative ofte trovas argumentojn, kiuj kongruas kun propraj valor-konceptoj, ni povas esperi pri la nomita longtempa efiko. Tio do signifas, ke nia informado devas esti ne efemera kaj okaza, sed konstanta kaj daŭra. Se tiaj simpatiantoj rimarkas, ke Esperanto – kiun ili ja principe favoras – ekzistas kaj vivas, tio plifortigas simpation ekzistantan.

- Sed ni ne forgesu la **perceptan disonancon**. Eĉ homoj konvinkitaj, principe, pri valoro kaj utilo de Esperanto, pro multaj kialoj tamen povas rifuzi ĝin. Tre konata tia argumento estas ekzemple: la angla jam havas la rolon de internacia lingvo, do Esperanto ne havas ŝancon. Superi tian perceptan disonancon estas tre malfacile, ĉar en tiu fenomeno prioritaton havas emocioj, ne racio.

- Kerno de vero troviĝas ankaŭ en la menciita **silento-spiralo**. Ni konas la sperton, ke konvinkitaj esperantistoj ne kuraĝas konfesi tion publike, ĉar ili devas timi mokojn en sia socia medio de homoj, kiuj ridindigas la ideon de lingvo internacia kaj precipe de Esperanto. Spertinte ties antaŭjuĝojn, esperantistoj pli kaj pli mutiĝas kaj silentas, eble eĉ kaŝas sian konvinkon. Al tiuj homoj povus iom helpi konstanta informado, ĉar mokemuloj rimarkus ke tamen ilia samsociano ne estas sola fantaziulo.

- Ni ne hezitu, esti **„tagordistoj"**. Tio signifas, ke ni ja per informado ne povas determini, kion la homoj pensu (do akceptu Esperanton), sed pri kio ili pensas kaj diskutas. Kiam ekzemple germana politikisto moke nomis la estontan eŭropan valuton „Esperanto-mono" kaj tiu ĉi nomo konstante reaperis dum la posta diskutado, tio kompreneble atentigis la publikon ankaŭ pri Esperanto. Ni do ekspluatu tiajn okazojn – aŭ mem kreu ilin.

Stefan MAUL

# REVUO de revuoj

## ESPERANTOLEHTI
**organo de Esperanto-Asocio de Finnlando**

Kio okazis, ĉu finnaj esperantistoj post la UK en Tampereo, tiu drasta manifestado de perfekteco, perdis tiun ĉi virton? Jen la motivo de tia zorgema demando: en la plej freŝa numero de Esperantolehti (5-6/1995), kiu atingis nin, abundas, jes vere abundas lingvaj kaj kompost-eraroj! Espereble iam ni ricevos kontentigan klarigon pri tiu enigma fenomeno!

## IREJO-Bulteno
**Informilo de Irana Esperantista Junulara Organizo**

Redaktoro M. Reza Torabi en n-ro 12 (decembro 1995) atentigas, ke la bulteno fariĝis jam dujara kaj „trovas sian decan vizaĝon, sed laŭ mi ankoraŭ estas multaj mankoj". Nu, la mankoj troviĝas en lingvouzo, sed grafike ĝi estas pli ol kontentiga. En tiu numero, cetere, ni trovis interesan proverbon (oni nomas ĝin „aforismo"): „Manĝu vian matenmanĝon kiel ŝaho kaj vian tagmanĝon kiel veziro kaj vian vespermanĝon kiel fakiro." En respektiva germana proverbo (kaj probable ankaŭ en aliaj eŭropaj lingvoj estas simile – Proverbaron de Zamenhof mi ne kontrolis) la respektivaj roluloj estas reĝo, grafo kaj almozulo.

## Norvega Esperantisto

En n-ro 5/1995 Torstein Kvakland, prezidanto de Norvega Esperantista Ligo, priskribas la funkcion de l' gazeto jene: „Nia bulteno Norvega Esperantisto servas kiel ligilo inter la membroj kaj inter la estraro kaj la membroj. Ĝi povas ankaŭ servi kiel bona ejo por diskutoj. Per diskuto oni povas surtabligi al la norvega esperantistaro novajn ideojn, kaj doni inspiron kaj interŝanĝi spertojn. Tia gazeto necesas por vigla organizaĵo kies celoj, metodoj, atingoj kaj malatingoj ĉiam estas debatataj." Kaj poste li daŭrigas: „Grava ilo por organizi la laboron estos la bulteno. Ĝi jam estas leginda. Ĝi estos eĉ pli leginda se vi kontribuos pli. Oni ne povas atendi ke la redaktoro mem kreu ĉion. Ĉiu ajn membrara gazeto de organizo dependas je la kontribuoj de la legantaro. Se mankas al vi ekzemple taŭga legaĵo por komencantoj – skribu! Se mankas al vi recenzoj pri libroj – vi recenzu!"

Jen oraj vortoj, validaj sendube por multaj aliaj E-gazetoj!

## ESPERANTO
**organo de UEA**

Danke al ĝia numero de oktobro 1995 nun ĉiuj membroj disponas pri la tre leginda kaj citinda teksto de l' dankletero, kiun William Auld skribis okaze de ricevo de Premio Onisaburo Deguĉi. Nia literatora korifeo (kaj multjara redaktoro en diversaj funkcioj!) tre konvinke prezentas bonajn argumentojn pri la lingvo internacia. Konsilo: nacilingvaj E-gazetoj, kiuj aperigas ankaŭ tekstojn en la landa lingvo, nepre publikigu tradukon de la teksto de W. Auld! Kun konciza prezento de lia persono, tia artikolo eble estos pli konvinka ol la plej belaj sloganoj pri Esperanto.

## Ruslanda Esperantisto

Kontinuas debatoj pri la plej bonaj vojoj de l' E-movado en la lando, sub la novaj sociaj kaj ekonomiaj kondiĉoj. Per la novembra numero ni ekscias, ke TEĴA-membroj A. Korjenkov kaj Nikolao Gudskov iĝis prezidanto kaj vicprezidanto de Rusia Esperantista Unio.

## MONATO
**internacia magazino sendependa**

denove havas humuran paĝon. La unua (nun sub la rubriko „ŝerco & satiro") aperis en n-ro 11/95; redaktas ĝin Stefan Maul, kiu serĉas kontribuantojn. – Daŭre interesaj, precipe ankaŭ por redaktoroj kaj tiuj, kiuj verkas per komputilo, estas la rubriko „komputado". En la menciita numero krome aperis eseo de Simono Pejno pri „Ergonomio kaj Esperanto", en kiu la aŭtoro priskribas kelkajn problemojn de adaptado de nacilingvaj programoj al Esperanto.

Ke en Monato kutime funkcias reĝustigo de iuj asertoj fare de aliaj aŭtoroj, tion ilustras lastatempa diskutado pri islamo kaj en la oktobra numero artikolo de Bernard Golden reage al artikolo de Simono Pejno pri seksorgana operacio de etiopia knabino.

## Espero Katolika
**organo de Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista**

„Ne fidu je komputiloj!" ni legas en n-ro 9-10/95. Kial tia averto? En antaŭa numero la enpaĝiga programo misfunkciis kaj ellasis tutan ĉapitron el artikolo! Ĉu io tia okazis ankaŭ al aliaj gekolegoj? – En la sama numero aperis aparte leginda artikolo de pastro Bernhard Eichkorn pri lingva maljusteco, bazita sur personaj spertoj dum vojaĝo trans pluraj landlimoj.

## BRAZILA ESPERANTISTO
**organo de Brazila Esperanto-Ligo**

aperas nun sub redaktado de TEĴA-membroj Symilde Schenk-Ledon kaj Gilbert Ledon, kun varia enhavo pri plej diversaj temoj, ne nur movadaj. Plaĉaspekta (escepte de kursivaj titoloj), en formato preskaŭ DIN A4 kun 24 paĝoj ankaŭ tre ampleksa kompare al aliaj landaj revuoj.

## La KancerKliniko

La satira gazeto, leginda kiel ĉiam, en n-ro 75 aperigas aforismojn kolektitajn de Aldo de'Giorgi. Inter ili ni trovis ankaŭ du por/pri ĵurnalistoj:

Legi estas foje efika maniero por ne pensi. (A. Helps)

La eraroj de la juĝistoj iras karceren, tiuj de la kuracistoj kreinten, tiuj de la ĵurnalistoj unuapaĝen. (angla diraĵo)

## Heroldo de Esperanto

En ĝiaj lastaj numeroj aperis du artikol-serioj, gravaj precipe ankaŭ por ĵurnalistoj: „Perversaj efikoj de la nuna komunik-sistemo" de Claude Piron kaj „Argumentoj por publika informado pri Esperanto" de Gian Carlo Fighiera.

## PERSONE
### Novaĵoj pri gekolegoj



*Donald Broadribb krokizo de Megumie Komamura (el La Gazeto 60)*

La konatan OSIEK-premion 1995 ricevis TEĴA-membro **Donald Broadribb**, redaktoro de *Esperanto Sub La Suda Kruco*, Aŭstralio. OSIEK (Organiza Societo de Internaciaj Esperanto-Konferencoj) atribuis la premion al la filozofo pro lia traduko de *La Respubliko* de Platono. La premio, kies nuna valoro estas 300 ekuoj, rekompencas vivantan aŭtoron de nefikcia verko, orginala aŭ tradukita.

TEĴA gratulas al la kolego!

☆

**Joel Brozovsky** en *La Lanterno Azia* (junio 1995) detale priskribas siajn spertojn kiel redaktoro de l' kongresa kuriero en Seulo. Kvankam liaj rakontoj estas parte amuzaj kaj komikaj, ni esperu ke neniu estonta redaktoro de kuriero legis, legas, legos tiun raporton pri abundo da problemoj. Cetere, ni rememorigu, ke TEĴA kompilis dosieron kun detalaj priskriboj kaj konsiloj por bone funkicantaj gazetara servo kaj kuriero.

☆

**Ĵak le Puil** karakterizis la UKon en Tampereo „katastrofo por ĵurnalistoj!", plendante ke ĝi estis tro perfekta. Fine, tamen, li trovis kritikendan punkton: oni ne dankis dum la solena fermo al pentristoj, kiuj ekspoziciis siajn verkojn.

(Alia kolego, cetere, trovis alian kritikendan punkton: en iu programfolio unu vorto estis mise kompostita!)

☆

**Anna Löwenstein kaj Renato Corsetti** iĝis redakcianoj de anglalingva revuo pri plurlingva edukado *The Bilingual Family Newsletter.* La E-bultenon *Cirkulaĵo por esperantlingvaj paroj kaj familioj* de ili transprenis Anna Beyenyei (Szerémi u. 21 IV 20, HU-1117 Budapest).

☆

**Henri Masson**, SAT-aktivulo, kun franca ĵurnalisto kaj eksa ĉefredaktoro de inform-agentejo Agence France Press, **René Centassi**, verkis biografion de Zamenhof en franca lingvo.

☆

**Dirk Kretschmann**, redaktoro de l' esperantlingva *Esperanto aktuell*, organo de Germana E-Asocio, dum duona jaro laboros en Nov-Jorko; la redaktadon de *E aktuell* dum tiu periodo transprenas TEĴA-membro **Karl-Heinz Sommer**.

## LINGVO
### La erar-serĉa kampanjo daŭras



## Domaĝe! Ankaŭ Kleopatra kaj Cezaro damaĝas nian lingvon

En mia artikolo „Rezultoj de la unua kampanjo de erarspurado" (IĴ 1-2/1994, p. 12-13) mi raportis pri lingvaj eraroj en IĴ, kiujn trovis legantoj. Sendis liston de 13 eraroj István Ertl, la aglokula redaktoro de la revuo *Esperanto.*

Bedaŭrinde, li ne tiel sukcese elsarkis ĉiujn misaĵojn, kiuj de tempo al tempo makulas la paĝojn de lia propra revuo. Sekve, *Esperanto* ĉifoje estas la temo de la „piloria rubriko", la nomo kiun Ertl donis al la rubriko, dediĉita al malkovro de lingvaj eraroj en Esperantaj periodaĵoj kaj libroj.

**Konfuzo pri la verboj „domaĝi" kaj „damaĝi"**

La sekvaj du frazoj, ĉerpitaj el la sama numero de *Esperanto* (marto 1994) ilustras la eraran vortuzon.

1. Nederlandano Kees Ruis skribis: „ [...] mi samopinias kun Gishron ke eternaj komencantoj domaĝas la reputacion de E-o" (p. 51).
2. Surpaperigis la duan frazon Daniele Vitale el Italio: „Cenzuro de konsentaj agoj neniel domaĝantaj la eksteran mondon estas miskutimo firme rifuzenda [...] " (p. 53).

**La paronima paro „domaĝi/damaĝi"**

La erara uzo de „domaĝi" en ambaŭ citaĵoj okazis, ĉar la verkintoj intermiksis du vortojn, kiuj havas tute malsamajn signifojn, kvankam iliaj formoj estas preskaŭ identaj. Tiaj vortoj, kiuj minimume diferencas inter si per unu-du konsonant- aŭ vokal-sonoj, estas nomataj paronimoj. En la kazo de la cititaj frazoj, neniel estas eble preteksti kompost-erarojn, ĉar la neĝusta vortformo aperas en du apartaj tekstoj. „Domaĝi" signifas „indulgi", „kompati" aŭ „bedaŭri", dum sinonimoj de „damaĝi" estas „malutili", „noci" aŭ „difekti". La verkintoj evidente volis diri, jen ke eternaj komencantoj malutilas al la reputacio de Esperanto, jen ke konsentaj agoj neniel difektas la eksteran mondon. Pro tiuj du samnumeraj eraroj, *Esperanto* kontribuas al la kampanjo per „la eraro de la monato".

**Ankaŭ Kleopatra kaj Cezaro stumblis!**

Redaktoro Ertl ne devas tro honti pro la lingva damaĝo okazinta en

lia revuo. En la klasika antikveco same pekis pri „domaĝi“ du eminentuloj, la egipta reĝino Kleopatra kaj la romia imperiestro Cezaro. La dokumentaĵo troviĝas en la bildstria libro *Asteriks kaj Kleopatra*, en kiu oni povas legi sur p. 44 jenajn frazojn. Temas pri provoj de la romianoj detrui la novan palacon, kiun Kleopatra konstruigas.
KLEOPATRA (parolante al la estro de la legianoj): „ [...] kaj mi postulas, ke viaj legianoj [...] riparu la tutan domaĝon kiun ili kaŭzis.“
CEZARO (donante ordonon al la oficiro): „ĈESIGU LA SIEĜON KAJ RIPARU LA FARITAN DOMAĜON, STULTULO!!“
Estas evidente, laŭ la kunteksto, ke Kleopatra kaj Cezaro devis uzi la vorton „damaĝo“, ĉar temas pri difektado kaj detruo de la palaco. Oni ja povas diri, ke la egipta reĝino domaĝis sian novan palacon, t. e. ŝi bedaŭris ĝin kaj ne volis, ke ĝi estu difektita.

**Kunkulpeco pri „la eraro de la monato“**

La misuzo de „domaĝi“ fariĝis „la eraro de la monato“ dank' al la kunkulpeco de la revuo *Esperanto* kaj eldonejo Izvori, kiu publikigis la Asteriks-libron.
Bernard GOLDEN

## LETEROJ



Skribu al
Stefan Maul
Pferseer Str. 15
DE-86150 Augsburg

**Kolego el Ĉinio skribas:**
Mi estas 38jaraĝa ĵurnalisto de Wuhan, Ĉinio. Nia ĵurnalo estas la tielnomata organo de nia urba registaro kun 7 milionoj da loĝantoj, el ili pli ol 200 mil legas (abonas fakte) nian ĵurnalon Yangzi-Rivero-Ĵurnalo. Mi mem prizorgas la paĝon „Internaciaj Novaĵoj“, kiu ĉefe redaktas la krudajn materialojn de Xinhua, Pekino. Ni nun provas gajni, ekspluati novaĵojn de alia deveno, inkludante rektajn de fremduloj. Kiel esperantisto, mi volus ekkontakti kun fremdaj samprofesiuloj, kiuj estas samideanoj. Mi servigas esperanton al mia laboro, mia ĵurnalejo subtenas miajn E-agojn, eĉ subvencios min viziti UKon.
Peng Zhengming, 301-3-2 Meiyuan Xiaoqu, Fujiapo, Wuchang, Wuhan, 430070 Ĉinio.

☆☆☆

**YAMASAKI Seikô, Japanio, skribas:**
Artikolo en la lasta numero de IĴ (Misuzo de la sufikso „-ej“, IĴ 4/95, p. 13) kondamnas la vorton *ŝogunejo* kiel malĝustan.
Mi uzis tiun terminon en *Manlibro pri Politiko* ĉiam kiel politikan sistemon de ŝoguno, neniam kiel landon regatan de ŝoguno. La originala vorto japana *bakuhu* signifas ĉiam tion: loko kie ŝoguno administras. Neniu japano komprenas la vorton kiel teritorion. *Ŝogunlando* estas vera monstro.
Japanio estis ĉiam reĝujo, kaj bedaŭrinde ankoraŭ tia restas, ĝi neniam estis nomata ŝogunejo. Se tiel estus, la merovida reĝujo estus nomata majordomujo, kaj Francio sub Luizo 13a kardinalujo.
Mi havas nenian intencon min korekti.

☆☆☆☆☆

Kia misa fuŝaĵo! Ĉu vi memoras, ke en iu antaŭa numero de IĴ ni prezentis la sensacian relanĉon de furororonta Esperanto-gazeto *Kloako*? Salutinda afero, sendube, laŭ ĉiuj ajn ĵurnalismaj kriterioj iam ajn imageblaj. Sed jen, kion prave kritikas la protagonista relanĉisto **Bernard Golden:**
„Mi bedaŭras, ke vi ne inkludis mian nomon kaj adreson ĉe la fino de la peco pri KLOAKO. Kiel povas kontakti min potencialaj kontribuantoj kaj abonantoj? Mi petas vin aldoni tiun informon en la sekva numero de IĴ.“
Volonte ni – por korekti nian nepardoneblan mankeraron – ni do plenumos lian peton kaj en la sekva numero aperigos lian adreson. Ni ĵuras!
Via plorinda kaj ploranta IĴ-redaktoro.

KVIZO

# Kiu estis tiu ĉi pioniro?

*En IĴ 3/95 (p. 11-12) estis prezentita la unua en serio da kvizoj havantaj la celon informi kaj distri legantojn. Ĝi temis pri la elstara esperantisto-ĵurnalisto Edmond Privat. Ĉi-foje la kvizo pritraktas samtempulon de Privat. Li estis pionira esperantisto de la 19a jc., kiu plenumis plurfacetajn agadojn por Esperanto kaj engaĝis sin kiel publicisto, gazetredaktoro, prelegisto kaj aŭtoro de libroj en Esperanto kaj ankaŭ en sia gepatra lingvo. Surbaze de la sekvaj dudek informoj pri lia vivo kaj verkaro provu diveni la pseŭdonimon, sub kiu li estas plej bone konata en Esperantujo.*

1. Estante samurbano de d-ro Zamenhof, li havis tre fruan kontakton kun Esperanto. Li eklernis la lingvon tuj post publikigo de la „Unua Libro“, kaj en septembro 1887 sendis leteron al la aŭtoro de la lingvo, kiu finiĝis per la profetaj vortoj: „Vi venkos, sinjoro.“
2. Antaŭ ol li okupiĝis pri Esperanto, li interesiĝis pri solvo de la internacilingva problemo kaj kiel universitatano akiris sciojn pri Volapuko. Poste lia pollingva artikolo „Pri lingvo naturaj kaj artaj“ aperis en la monata revuo *Ateneum* en 1888; versio en Esperanto estis publikigita en 1894 en *Esperantisto*, kiun eldonis W. H. Trompeter en Nurenbergo.
3. Liaj tradukitaj kaj originalaj poeziaj beletraĵoj aperis en fruaj Esperantaj publikigaĵoj: la *Dua Libro* (1888), *La Liro de la Esperantistoj* (1893), *Fundamenta Krestomatio* (1903).
4. Li studis en la jura fakultato de la Universitato de Varsovio kaj diplomiĝis en 1889. Inter la jaroj 1892 - 1904 li estis advokato ĉe la asiza tribunalo en Peterburgo. Poste li revenis al Varsovio kaj

daŭrigis praktikon de la advokata profesio.
5. Okaze de la 1a Universala Kongreso de Esperanto en Bulonjo-ĉe-maro en 1905, li proponis, ke UK estu ĉiujara evento. Li ankaŭ deziris, ke la „Deklaracio pri Esperantismo" aludu pri la servoj de Esperanto al paco, sed oni ne akceptis tiun proponon. Li fariĝis ano de la Lingva Komitato.
6. Li kontribuis multajn artikolojn al *Vestnik Znanija* (Scienca Informilo), duonmonata organo de la Saratova Esperantista Grupo. Ĝi estis publikigita en Peterburgo ekde 1907.
7. Li ne estis kontenta okupiĝi pri simplaj juĝaferoj donantaj al li advokatan salajron sed engaĝis sin en bataloj por politika libero kaj socia progreso. Li mem partoprenis en la agado de sekretaj politikaj rondoj. Post la fiaskinta rusa revolucio en 1905, kiel advokato li defendis multajn homojn, kiujn minacis longa mallibero aŭ eĉ morto.
8. La advokata profesio ne estis por li la plej ŝatata okupo. Li estis kvazaŭ denaska ĵurnalisto kaj ekpraktikis la publicistikon jam en adoleskaj jaroj. En 1905 li lanĉis sian propran literaturan kaj politikan semajn-revuon *Wolne Słowo* (Libera Vorto). Ĝi ekzistis ĝis 1913. Ofte la plej grandan parton de la enhavo verkis la redaktoro mem. *Libera Vorto* estis tribuno, sur kiu li paroladis al la legantoj, batalante kontraŭ obskurantismo kaj kverelante kun la cara reĝimo.
9. Li montris interesiĝon ankaŭ pri organizado de la Esperanto-movado, fariĝante vic-prezidanto de la unua rusa esperantista societo en Peterburgo en 1908 kaj oficante kiel la sekretario de la Varsovia Esperanto-Asocio.
10. En 1908 estis plublikigita en Varsovio *Sonoj esperantaj*, kolekto de tradukitaj poemoj, kiujn li esperantigis el la pola plejparte kaj ankaŭ el aliaj lingvoj.
11. Pro politikaj kaŭzoj, lia nomo estis forstrekita el la registro de varsoviaj advokatoj en 1914, do li povis vivteni sin nur per ĵurnalistaj kaj verkistaj honorarioj. En 1929, jam en libera Pollando, li akiris postenon en la jura departemento de la Ministerio pri Publikaj Laboroj.
12. Li estis majstro de la deklamarto kaj eminenta oratoro. La 16an de aprilo 1917 li parolis pole dum unu horo ĉe la funebraĵoj de d-ro Zamenhof.
13. Li partoprenis la unuan postmilitan UK en Prago 1921, kie li brile festparolis kaj poezie prikantis Finnlandon, kie okazos la sekvanta kongreso.
14. Li konstante kontraŭstaris al antisemitismo en Pollando per prelegoj kaj publicistaj verkoj.
15. La dua tereno, kie li esprimis sian opozicion, estis la cara cenzuro. Kelkfoje li devis pagi altajn monpunojn por eviti areston; tamen, li estis malliberigita kvin fojojn kaj ekzilita unu fojon. Kiam estis suspendita publikigo de lia revuo, li aperigis siajn verkojn pseŭdonime en aliaj perdiodaĵoj aŭ ŝanĝis la titolon de la revuo.
16. Kiel 70-jarulo li reaktiviĝis en 1935, kontribuante beletraĵojn al *Literatura Mondo* kaj verkante poemon por la 28a UK en Vieno en 1936. Li denove fariĝis kunlaboranto de *Pola Esperantisto* en la periodo 1934-1937 por daŭrigi sian pli fruan aktivecon en 1908-1912, 1922 kaj 1925-1927.
17. En 1939 li estis elektita membro de la Supera Komisiono aŭ Akademio de la Lingva Komitato.
18. Lia vivo finiĝis sub tragediaj cirkonstancoj. Dum bombado de Varsovio en la dua mondmilito, lia loĝejo en la geto estis detruita, kaj li mortis la nokton de la 18/19 de oktobro 1941.
19. Li estis tre fekunda verkisto, kies bibliografio ampleksas pli ol cent librojn en la pola lingvo, inter kiuj estas tri volumoj de poezio kaj tri sukcesaj historiaj romanoj. Li ankaŭ tradukis beletraĵojn, kaj lia atuto estis pollingva versio de „Eŭgeno Onegin" de Puŝkin.
20. Pro diversaj kialoj li devis subskribi siajn publikigitajn verkojn per variaj kaŝnomoj kaj pseŭdonimoj, inter kiuj estis Acosta, Leon Bielski, Dolinow, Gorski kaj Iturus. Lia vera nomo estis Leopold Blumenthal (aŭ Blumental), sed kiel la aŭtoro de verkoj en la pola lingvo kaj por siaj agadoj en Esperantujo li uzis plej ofte alian pseŭdonimon. Ĉu vi scias ĝin?
Bernard GOLDEN